



3' SUNA-MARA INTERNACIA FERIO-SEMAJNO

1985.07.06-13a

Ĉe REGGIO CALABRIA (la urbo de la famegaj 'Bronzoj de Riace', situanta ĉe la suda pinto de kontinenta Italujo, antaŭ la insulo Sicilia.

La fervojista Esperanto-Grupo 'Fata Morgana' de Reggio Calabria (Italujo) aliĝinta al I.F.E.A. (Itala Fervojista Esperanto-Asocio) kaj al F.E.I. (Itala Esperanta Federacio) INVITAS ĉiujn esperantistojn kaj ne, partopreni internacian ferio-semajnon sur la plej belaj mediteraneaj strandoj.

- Loĝloko: Hotelo 'ALTALIA' 2a Kat., lokita laŭ la strando 'Brancaleone, sur kiu estas ebleco praktiki diversajn sportojn.
- Kondicoj: Aliĝkotizo: 20.000 italajn lirojn/hotela mendo: L.80.000
  Plena pensiono po persono por la tuta periodo.
  Unulita ĉambro L. 475.000 — Dulita ĉambro L. 405.000 — Trilita ĉambro L. 355.000
- Informoj: Ĉe: S-ro Domenico FIUME Via Nazionale, 80 I-89051 ARCHI Reggio Calabria (Italujo) al kiu petu aliajn informojn, aliĝilojn, mendilojn, kto.
- Limdato: Maksimume ĝis la 10an de aprilo 1985.
- Pago: Al la supra nomo kaj adreso per persona banka ĉeko.
- Programo: Estas antaŭvidotaj: sunaj/maraj banoj, ekskursoj tra Calabria kaj Sicilia, danca vespero, kto.
- N.B.: Ne forgesu bankostumon!

---

ALIĜILO KAJ MENDILO

Mi aliĝas al la '3a Internacia Ferio-Semajno', pagante la koncernan kotizon (L. 20.000) kaj la hotelan mendon (L. 80.000) al s-ro Domenico FIUME Via Nazionale, 80 I-89051 ARCHI RC Reggio Calabria (Italujo) Tel. 0965-43065, per persona banka ĉeko.

Nomo (S-ro/s-ino/f-ino) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Kompleta adreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Lando . . . . . . . . . . . . Naskiĝdato . . . . . . . .
Mi mendas por ĉambro: Unulita ☐ Dulita ☐ Trilita ☐
Mi deziras tranokti se eble kun (S-ro/s-ino/f-ino) . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . .
Apartaj deziroj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Mi alvenos al Reggio Calabria: tago . . . . . . horo . . . . . .
per: trajno . . . . aviadilo . . . . automobilo . . . .
Dato . . . . . . . . Subskribo

## Universitata disertacio pri Esperantaj libraroj

En junio 1984 Eleonora Worsztynowicz prezentis ĉe la Universitato de Poznań sian licencian disertacion s.t. "Kolektoj de Esperantaj eldonaĵoj". Tiu 180 paĝa disertacio, kiun alte aprezis Libroscienca Instituto kaj polaj esperantologoj, donas multflankan analizon laŭ historio kaj nuna stato, kaj ankaŭ eltiras konkludojn por estonto lige kun centjariĝo de Esperanto.

- - - - -

PS: Adreso de la aŭtorino: Eleonora Worsztynowicz
ul. Poznańska 26/37
PL 63-100 Ś r e m
Pollando

---

## Deziras korespondi

MAGDALENA WROCŁAWSKA /14-jara lernantino/, Grabonóg 62/1, PL 63-820 PIASKI, Pollando, deziras korespondi kun tuta mondo pri literaturo, kolektas bildkartojn kaj poŝtmarkojn.

---

## 26-a I.F.E.S.

La 26-a I.F.E.S. = Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno okazos en Morzine (Alta Savoja-Francio), ĉe Residence FLORIMONTANE de la 16-a ĝis la 23-a de marto 1985-a.




---

Venu, vidu kaj ĝuu!

## Esperantistaj feriadoj en Międzygórze




Vroclava Filio de Pola Esperanto-Asocio invitas al tradiciaj esperantistaj feriadoj en Międzygórze:

La 4-a Internacia Feriado "Esperanto hejme", kiu okazos en la tagoj 1985.08.18-31




La 21-a Internacia Esperantista Feriado "Ora pola aŭtuno", kiu okazos en la tagoj 1985.09.2-15

En ĉiu feriskipo samtempe ferios 430 esperantistoj.

LOKO: Pitoreska ripozloko Międzygórze en Sudety-montaro, 130 km sude de la regiona urbo Wrocław. Enloĝigo kaj programo en 14 apuđe situantaj alpstilaj ripozdomoj de la Ferientrepreno "FWP". Ĉarmaj pejzaĝoj, pura aero, profundaj boskoj, kristalakvaj torentoj, milda klimato kaj kvieto reganta en Międzygórze kuraco helpas al personoj laciĝitaj de industria civilizacio. En ĉirkaŭaĵo atrakciaj piedaj kaj aŭtomobilaj turismaj itineroj. Międzygórze estas pilgrimloko al Maria la Neĝa kronita de la papo Johano Paŭlo la Dua.

PREZOJ: Partoprenkotizo por dusemajna restado por esperantistoj estas 180 dol. aŭ egalvaloro en alia valuto, por samtempe aliĝantaj familianoj 170 dol. kaj por neesperantistoj - 210 dol.
Prezo por ambaŭ feriadoj /4 semajnoj/ estas 350 dol. La prezo inkluzivas loĝadon en 2 aŭ 3 personaj ĉambroj, manĝadon, kursojn kaj kulturan programon.

PROGRAMO: Diversgradaj konversaciaj kursoj, kultura kaj distra programo en Esperanto, montaraj piedekskursoj, ĝojfajro, lumbildprelegoj, kantvesperoj, diskdancado k.a. Samtempe okazas kelkaj kursoj aŭ programoj laŭvole elekteblaj.
En la feriskipo "Esperanto hejme" riĉa kaj atrakcia programo por infanoj kaj internacia renkontiĝo de esperantistoj - bibliotekistoj.
En la feriskipo "Ora pola aŭtuno" esperantologia seminario kaj internacia renkontiĝo de esperantistoj - medicinistoj.

ALIĜOJ: Aliĝojn akceptas kaj detalajn informojn sendas: Pola Esperanto-Asocio, P.O. Kesto 16, PL 50-952 Wrocław 17, Pollando.

= = = = =

## Familiaj Esperanto-kluboj por centjariĝo de Esperanto

Por omaĝi centjariĝon de la internacia lingvo, membroj de la familio Worsztynowicz fondis familian Esperanto-klubon. Ĝis la jubilea jaro 1987 ili intencas atingi nombron de 100 familianoj flue parolantaj Esperanton.

La familio Worsztynowicz kompilas detalan genealógion de sia gento. Ĝia gentopatro estis la muelisto Tomaso Orsztyn /Worsztyn/, kiu en 1746 loksidiĝis en la urbo Gostyń /ĉ. 80 km sude de Poznań/. Probable li venis el la okcidenta Eŭropo kaj lia origina nomo povis esti Ornstein aŭ Wornstein, jam en 1761 aldoniĝis al lia nomo la finaĵo "-owicz".

En la 19-a jarcento la familia nomo estis ofte mise skribata kaj nuntempe diversaj branĉoj de tiu familio nomiĝas: Worsztynowicz, Bursztynowicz, Orsztynowicz, Ostynowicz /Vorŝtinoviĉ, Burŝtinoviĉ, Orŝtinoviĉ, Ostinoviĉ/. Ĉiuj personoj kun tiuj nomoj vivantaj ie ajn en la mondo estas idoj de la muelisto Tomaso. Se loĝas ankaŭ en via regiono kontaktigu ilin kun la familio en Pollando. Sur genealogiaj tabeloj estas registritaj ankaŭ idoj en inaj linioj, tial multaj familianoj portas aliajn nomojn, tamen ĉiujn ligas deveno de la komuna gentopatro.

Ĉiujare multaj membroj de tiu gento partoprenas la Familian Feriadon "Esperanto hejme" en Międzygórze /en 1983 - 25 personoj, en 1984 - 40 personoj/ kaj jam pli ol 50 familianoj konas aŭ lernas la internacian lingvon. En junio 1984 Eleonora Worsztynowicz prezentis ĉe la Universitato de Poznań disertacion pri Esperantaj bibliotekoj.

Nuntempe vivas ĉ. 4000 posteuloj de Tomaso apartenantaj al la sesa ĝis deka generacioj. Ili loĝas ĉefe en Pollando, sed ankaŭ en multaj aliaj landoj /Aŭstralio, Britio, Francio, FRG, Kanado, Usono k.a./. Personoj, kies antaŭuloj ĉ. 1900 elmigris el Pollando, plejparte ne konas la polan lingvon.

Ĉu ie en la mondo ekzistas familioj, kiuj kompilas siajn genealogiojn kaj intencas fondi familiajn Esperanto-klubojn? La familio Worsztynowicz volonte renkontiĝos en Międzygórze kun ili. Adreso: Familio Worsztynowicz, P.O. Kesto 311, PL 50-950 Wrocław 2, Pollando.

= = = = =




INTERNACIA LINGVO






ESPERANTO
LINGVO INTERNACIA

**I. F. E. A.**

**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I.F.E.F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U.E.A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F.E.I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)






# Informa Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N, 61 - Tel. 359.071

STAMPE